HAMBURG Esperanto

1/1994

Februaro/Marto

Bulteno de Hamburga Esperanto-Societo r. a.



foto: arĥivo

# Adiaŭ, kara Hans!

**Hamburg (ehh). La 2an de Decembro 1993 en Hamburg mortis unu el la plej fervoraj amikoj de la internacia lingvo, *Hans Schütt*, en aĝo de 85 jaroj. La vortoj "Adiaŭ, kara Hans" estis skribitaj sur rubando ĉe la funebra florkrono per kiu Hamburga Esperanto-Societo akompanis lin sur la lasta vojo. Laŭ la deziro de Hans, nur tre malmultaj personoj eksciis pri lia morto antaŭ la entombigo, kiu okazis la 13an de Decembro.** ***Bv. legi sur paĝo 3.***

## Enhavo



**Karaj legantoj**,
denove okazas, ke nia bulteno nur havas ok paĝojn, kaj ne 12. La kaŭzo estas tute simpla: La enhavo de la bulteno dependas de kontribuoj de niaj klubanoj. Ŝajnas, ke dum la pasintaj semajnoj niaj klubanoj havis aliajn okupojn, kaj nenion skribis. Mi ricevis nur unu artikolon por *Esperanto Hamburg*. Eble nun, post kiam pasis la festoj de Kristnasko kaj nova jaro, niaj klubanoj reaktiviĝos kaj denove skribos. Plej facile estas por mi prilaboreblaj jam pretaj tekstoj sur diskedoj 3,5 colaj. La diskedoj devas esti laŭ la DOS-formato, la teksto en ASCII-kodo. La supersignoj povas aperi en ajna formo, ĉar mi ĉiukaze transformas la tekston al nia kutima skribo. Tiajn diskedojn ne nur eblas surskribi per komputoro, sed ankaŭ per moderna tajpilo.

*Benno Klehr*

## Editoraĵoj

**Eldonanto**: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Straße 95, D - 20535 Hamburg
✆ (040) 2 50 30 65
*Poŝtĝiro Hamburg (BLZ 200 100 20) Kto. 173 22 - 207*
**Ĉefredaktoro**: *Benno Klehr, Oelkersallee 31, D - 22769 Hamburg, ✆ (040) 43 51 97*
**Grafika koncepto**: *Gerd Tigges, 21029 Hamburg*
**Aranĝo kaj produktado**: *Benno Klehr*

Ĉu vi jam pagis vian **kotizon** por 1994, kara membro? Alikaze vi riskas, ne plu ricevi la bultenon ***Esperanto Hamburg***!

**Redaktofino de n-ro 2/1994:**
**10-03-94**

Plej aktuala informo:

Ekde la 9a de Februaro okazos nova kurso por komencantoj en Hamburg-**Harburg**. Gvidos Frank Merla.

## Sentenco

**Ĉiu el ni posedas cerbon, sed ne ĉiu scias utiligi ĝin bone. La kaŭzo estas, ke ĝi estas liverata sen uzo-instrukcio.**

*D. F. Birkenbeihl*

## Pardonu,

ke parto de la antaŭa eldono de nia bulteno ***Esperanto Hamburg*** portis malĝustan numeron! Kompreneble la monatoj **Decembro** kaj **Januaro** devis aperi en n-ro 6/93.

*BK*

# Hans Schütt

*(Daŭrigo de p.1)*

Dum **68 jaroj** Esperanto estis tre grava parto de lia vivo. Kiel **gimnaziano** li konatiĝis kun Esperanto kaj fariĝis ne nur ekscelenta parolanto, sed ankaŭ internacia **aplikanto**, kiu havis amikojn en multaj partoj de la mondo. Kvankam li estis "*nur simpla membro*", kiel li mem kutimis diri, liaj konsiloj ofte helpis, kaj liaj internaciaj kontaktoj multe riĉigis la kluban vivon de Hamburga Esperanto-Societo, kies membro li estis depost 1926. En n-ro 5/1993 de *Esperanto Hamburg* ni publikigis intervjuon, kiun *Hella Lanka*, kronikistino de HES, faris en Septembro. En tiu intervjuo nur flanke videblas en unu frazo, kiom **grava** estis al li Esperanto, kiam venis la letero de *GeStaPo* al Oskar Bünemann en 1936. Malgraŭ la minaco, ke plua okupiĝo pri Esperanto kaŭzus severan punon, li estis unu el tiuj, kiuj daŭrigis kaj restis fidelaj. Ĝis 1992 *Hans Schütt* estis prezidanto de la *Konsilantaro* de Hamburga Esperanto-Societo, instanco, kiu funkcias kiel arbitracia forumo, kiam ekestas problemoj en la membraro. Feliĉe li ne havis multan laboron, ĉar li sciis, jam antaŭe trovi interkonsenton. Laŭ sia zodiako tipe por pezilo, li ĉiam serĉis ekvilibron.

**Li mankas al ni, kaj ni ne forgesos lin!**

*Benno Klehr*
*prezidanto de HES*

# Jarĉefkunveno de HES 1994

La jarĉefkunveno de Hamburga Esperanto-Societo r. a. okazos la 24an de Februaro 1994, je la 20a horo en la Esperanto-Domo, Klaus-Groth-Straße 95, 20535 Hamburg.

**La tagordo de la jarĉefkunveno havas la kutiman aspekton. Ĝi enhavas jenajn punktojn:**

**- 1 - Jarraporto**
**- 2 - Kasraporto**
**- 3 - Raporto de la revizoroj**
**- 4 - Raporto de la konsilantaro**
**- 5 - Senŝarĝigo de la estraro**
**- 6 - Elektoj**
**- 7 - Buĝeto kaj kotizoj**
**- 8 - Diskuto kaj decido pri proponoj**
**- 9 - Diversaĵoj**

Atentu!

Proponoj al la jarĉefkunveno devas atingi la estraron ĝis la 10a de Februaro 1994.

*Benno Klehr*

# Solvo de Enigmo 6 / 93

| | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 A | 2 R | 3 A | 4 K | 5 I | 6 D | 7 O | 8 T | 9 A | 10 P | 11 I | 12 Ŝ |
| 13 K | I | R | A | S | I | 14 S | O | N | O | R | I |
| 15 A | K | I | R | A | 16 A | T | L | E | T | I | 17 K |
| 18 P | A | S | T | A | Ĵ | O | 19 A | T | O | 20 M | A |
| 21 A | N | T | I | K | 22 V | 23 A | Ĵ | O | 24 K | U | R |
| 25 R | I | O | 26 L | O | 27 P | E | 28 O | 29 K | U | L | O |
| 30 I | 31 Ŝ | T | 32 A | R | 33 I | R | 34 L | A | N | D | 35 L |
| 36 S | P | E | G | U | L | O | 37 U | R | I | 38 N | I |
| 39 P | I | L | O | N | O | 40 I | M | A | G | I | N |
| 41 A | N | O | 42 F | E | L | O | 43 O | S | I | A | 44 N |

Mi bedaŭras, ke mi ne povas publikigi novan "teruran enigmon" en tiu ĉi eldono. Certe la ŝatantoj de miaj memfaritaj enigmoj povas kompreni, ke dum Kristnasko mi havas aliajn okupojn, ol cerbumi pri kruciĝemaj vortoj.

BK

# HES-jubileo en Majo: 90 jaroj Esperanto en Hamburg

**Hamburg (ehh). Ĵaŭde antaŭ la Germana Esperanto-Kongreso en Kiel, la 19an de Majo 1994, tute precize 90 jarojn post la fondiĝo de la *Unua Hamburg-Altonaa Esperanto-Grupo*, Hamburga Esperanto-Societo festas jubilean tagon en sia propra domo.**




**Programo:**

**14:00 Gazetara konferenco**
**15:00 Inaŭguro de ekspozicio**
**16:00 Promenado al la Esperanto-arbo**
**18:00 Komuna vespermanĝo**
**20:00 Festvespero kun paroladoj kaj muziko**

**Loko:**

**Esperanto-Domo**, Klaus-Groth Straße 95, D-20535 Hamburg. Tel. + 49 - 40 - 250 30 65

Atingebla per metro *U 3*, haltejo *Burgstraße*.

# Nia Programo 1/94

Klubejo malfermita ĵaŭde ekde 18:30.
*Manĝoj*: 19:00 - 19:30. *Programo*: 20:00.
*Studrondo:* sabate en semajnoj kun para numero: 14:00.
*GIS*: ĉiun lastan lundon: 19:30.
*Paroliga Rondo*: ĉiun mardon: 17:30.

Klubhaus donnerstags ab 18:30 geöffnet.
*Essen*: 19:00 - 19:30. *Programm*: 20:00.
*Studrondo*: sonnabends in geraden Kalenderwochen: 14:00.
*GIS*: jeden letzten Montag: 19:30.
*Paroliga Rondo*: jeden Dienstag: 17:30.

## Februaro

| | |
|---|---|
| **3** | **Literatura vespero**<br>*J. Wulff*: Lukas Kaŝa |
| **10** | **Hella Lanka invitas festi naskiĝtagon** |
| **12** | *Studrondo* (poste estrarkunsido) |
| **17** | **Klubejo fermita pro Sabata festo** |
| **19** | **Kostumfesto** (vd. p. 4) |
| **24** | ***Jarĉefkunveno '94***<br>*de HES (bv. legi p. 3)* |
| **26** | *Studrondo* |
| **28** | *GIS - Kunveno* |

## Marto

| | |
|---|---|
| **3** | **Literatura Vespero**<br>*Wolfgang Löbel* |
| **10** | *Bodo Schneider*:<br>**UK en Varsovio** |
| **12** | *Studrondo* (poste estrarkunsido) |
| **17** | *Werner Bormann:*<br>**Lastatempaj okazaĵoj en EU** |
| **24** | **Klubaj Aferoj** |
| **26** | *Studrondo* |
| **28** | *GIS - Kunveno* |
| **31** | **Ovo-Kunveno**<br>antaŭpaska festeto |

**Ĵaŭde inter la 19a horo kaj 19.30 h vi povas manĝi en nia klubejo! La manĝaĵoj estas bonkvalitaj kaj ne multekostaj. Per konsumado en nia "kantino" vi subtenas la ekziston de la Esperanto-domo.**

# Invito al *Harema Festo*

## 19a de Februaro 1994 je la 20a horo

- Kostumfesto kun malvarma bufedo -

La malvarma bufedo kostas po DM 10,- / trinkaĵoj pagendaj aparte.
**Kiel ĉe ĉiuj niaj festoj, gastoj estas bonvenaj.**

La tradicia kostumfesto de HES ĉi-jare denove okazos kun speciala temo, kiel estis kutime dum multaj jaroj, kiam oni ankoraŭ renkontiĝis en luitaj aŭ gastejaj salonoj. La moton *Haremo* oni ne miskomprenu, sin vestante kiel besto. Ne temas pri haremo sed pri serajlo!

# HES-Zamenhof-festo 1993

Al nia **Zamenhof-festo**, la 11an de Decembro, venis proksimume **kvindek** gastoj. Niaj gekuiristoj denove preparis festan menuon. La kvar manĝometoj estis ĉiuj faritaj el freŝaj produktoj, kaj por ĉiu viandaĵo estis vegetara ekvivalento. La menuo estis tre laŭdita.
Antaŭ la unuopaj pladoj ĉiam **interesaj prelegetoj** distris kaj pensigis la gastojn. Post la bonvenigo de prezidanto *Benno Klehr* sekvis legado el la verkoj de Zamenhof de *Peggy Ley*. *Jürgen Wulf* prezentis unue pensigajn poemojn kaj poste en la ĉefa prelego montris, kian funkcion Esperanto havis kaj havos en la monda interkompreniĝo.
La anoncita **surprizo kun muziko** evidente montriĝis kiel surprizo por *Elsbeth Wielgus*, kiu estis unu el la organizintoj: Kelkajn tagojn antaŭe ŝi festis sian 65jariĝon, tute trankvile. La unua surprizo estis, ke ŝi estis honorigita per **ora dokumento** pro ŝia senlaca laboro dum jardekoj por la klubo kaj la klubejo. Per glaso da ŝaŭmvino ni ĉiuj gratulis al *Elsbeth*. Post la tostado venis la dua surprizo, tiu kun muziko: *Elsbeth Wielgus* ricevis grandan elektronikan **pianon**, kiun grupo de amikoj donacis al ŝi por ke ŝi povu ludi pianon, post kiam ŝia piano translokiĝis kune kun ŝia filino al Lübeck. La ĝojo ne estas priskribebla.
Nia Zamenhof-festo denove estis tre bela kaj interesa okazaĵo.

*H.B.*

# Du gazetoj serve al lernantoj

**Kiel ligi lernejanojn kaj kursanojn kun la esperantaj kulturo, vivo kaj eventuale movado?**
Jen unu el niaj demandoj kernaj kaj eternaj. Necesas en niaj kursoj instrui ne nur la lingvon, sed doni informojn pri la eblecoj uzi ĝin ĉe korespondado, radio-elsendoj, libroj, gazetoj, kasedoj, renkontiĝoj, servoj ktp.

Du internaciaj revuoj eldonataj en Hungario klopodas plenumi ĉi tiun esencan bezonon, helpante al instruistoj kaj lernantoj egale.

*Juna amiko* estas 32-paĝa kaj aperas kvarfoje jare. *EVENTOJ* estas ok-paĝa kaj aperas dusemajne (24-foje en la jaro). La unua celas liveri legaĵojn, grupekzercojn kaj ludojn por la kurso mem, kune kun adresoj de korespondemuloj kaj lernejaj klasoj kaj raportoj pri aranĝoj.

La dua estas la plej ofte aperanta informgazeto por ĉiuj praktikantoj de la lingvo, sed kun speciala emfazo al novaj adeptoj. Aldone al perado de plej freŝaj novaĵoj, ĝi prezentas fonajn artikoletojn, kiuj klarigas diversajn instituciojn kaj eventojn de la Esperanta vivo. Opiniinterŝanĝoj pri aktualaj temoj regule aperas, kune kun informoj pri komercaj kaj aliaj iniciatoj por uzi la lingvon praktike. Ĝi provizas taŭgan legomaterialon por uzo en mezaj kaj superaj kursoj; ĝia tre regula aperado igas ĝin taŭga ligilo post la kurso. ILEI (Internacia Ligo de E-Instruistoj) havas efikan kaj bone funkciantan kunlaboran kontrakton kun la redakcio de *EVENTOJ*.
Estas signife, ke ambaŭ gazetoj estas eldonataj en Centra Eŭropo; regiono, kie multaj Esperantaj atingoj pereis aŭ venis sub akran premon. Juna amiko estas la sola ne-loka gazeto en Hungario, kiu travivis la transformojn. La starigo de *EVENTOJ* en tiaj kondiĉoj bezonis grandan kuraĝon, kaj vivigi ĝin dum du jaroj enorman investon kaj persiston. Estas ege grave, ke ĉi tiuj internacie signifaj revuoj povu aperadi kaj prosperi en ĉi tiu mondparto, ĉar ili estas multe pli alireblaj al legantoj en la regiono kaj en landoj kun limigita pagipovo, ol similaj periodaĵoj eldonataj en altprezaj landoj.

Ni vokas al instruistoj, unuflanke simpligi sian kursgvidan taskon, aliflanke riĉigi kaj kompletigi siajn kursojn per legomaterialo kun internacia perspektivo kaj engaĝigaj invitoj. Vi samtempe helpos protekti nian movadon en mondparto, kiu dum longa tempo pioniris ĝin.
*Abonante kaj abonigante al tiuj du revuoj jam dum la kurstempo, vi povas signife altigi la verŝajnon, ke la kursanoj ligiĝas kun la E-komunumo, kaj ne perdiĝos tuj post la fino de la instruado.*

ILEI volonte sendas senpagajn specimenojn de ambaŭ gazetoj al ĉiuj interesiĝantoj.

Stefan MacGill
Komisiito pri eldonado, ILEI

## Esperanto-Domo en Kaunas

**Litovio (lea). Dum la semajnfino 11a/12a de Decembro 1993, kadre de la 29a Litova Esperanto-Kongreso, en Kaunas okazis la inaŭguro de Esperanto-Domo.** Ĝi troviĝas en la iama domo de Aleksandro Zilbernik, bopatro de Ludoviko Zamenhof. La Zamenhof-tagoj '93 ankaŭ enhavis riĉan kulturan programon. Specialaĵo de la urbo Kaunas estas, ke la urbestro parolis en Esperanto.

## 67a Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT) 16a ĝis 23a de Julio 1994 en la ĉeĥa urbo Strážnice

**Estas nekredeble,**
ankaŭ tiu ĉi kongreso estas organizita de *Petro Chrdle*, ĉefo de *KAVA-PECH*.
**adreson vidu dekstre.**

## Akademio de Esperanto

**Prago (pch). La Akademio de Esperanto invitas al kolokvo en Prago, de la 7a ĝis la 14a de Julio 1994.** La temo de la kolokvo estos: *Stato kaj estonteco de la Internacia Lingvo Esperanto.*

Informojn petu ĉe KAVA-PECH, adreso sube.

## Flugkaravano al la UK en Koreio

**Prago (pch). Por kongresanoj de la 79a UK en Seulo la firmao Kava-Pech ofertas 16-tagan (por Germanoj 15-tagan) flugkaravanon al Koreio kaj Japanio.** La 22an de Julio 1994 estos la starto ek de la flughaveno de Frankfurto al Seulo. Post la UK la vojaĝo daŭriĝos al Tokio, kie oni pasigas tri kompletajn tagojn. Al la reflugo al Seulo sekvas plia ekskursa tago en Koreio. Oficiala fino de la karavano estos en Frankfurto, la 7an de Aŭgusto.
La tuta aranĝo kun ĉiuj tranoktoj kaj manĝoj kostas **DM 6100.-** plus kongreskotizon.

**adreso:**
***KAVA-PECH*, Anglická 878,**
**CZ-25229 Dobřichovice**
**Tel./Fakso: + 42 - 2 - 9 91 21 26**